WIKIPEDIA

# Adigea lingvo

La **Adigea lingvo** (memnomo *Адыгэ*, prononcu [aDIGa]; ISO-kodo: *ady*) estas parolata en Adigeio (respubliko en Norda Kaŭkazio, subjekto de Rusia Federacio) kaj en apudaj lokoj de Krasnodara regiono. Ĝi estas dua oficiala lingvo en Adigeio, apud la rusa.

La adigea lingvo apartenas al la adigea subgrupo de abĥaz-adigeaj lingvoj. Kiel en ĉiuj lingvoj de tiu grupo, en ĝi multas konsonantaj fonemoj: de 50 ĝis 60 en diversaj dialektoj.

La lingvo estas foje traktata kiel varianto de la ĉerkesa lingvo.

## Vidu ankaŭ

- Adigea Vikipedio

## Eksteraj ligiloj

- *Ethnologue* pri la adigea lingvo (http://www.ethnologue.com/show_language.asp?code=ady)

| Oficialaj lingvoj de Rusio | |
|---|---|
| **Tutŝtata oficiala (ŝtata) lingvo** | rusa (→) |
| **Lingvoj oficialaj (ŝtataj) en federaciaj subjektoj** | abaza · avara · agula · adigea · azerbajĝana · sudaltaja · baŝkira · burjata · dargva · inguŝa · kabarda-ĉerkesa · kalmuta · karaĉaja · komia · kumika · laka · lezga · nogaja · maria · mokŝa · oseta · rutula · tabasarana · tatara · tata · tuva · udmurta · ĥakasa · caĥura · ĉeĉena · ĉuvaŝa · erzja · jakuta |
| **Lingvoj kun oficiala statuso** | vepsa · dolgana · kazaĥa (→) · karela · komipermjaka · mansa · neneca · selkupa · finna · ĥanta · ĉukĉa · evenka · evena · jukagira |